2.ª JARO N.º 24 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 15 OKTOBRO 1937

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)




# JEN ASTURIO!

La nomo de Asturio estas sankta por ĉiu antifaŝisto. Izolita punkto en la nordo de Hispanio, angore ĝi suferas k bravege ĝi defendas la substancon de homaj principoj, kontraŭ nuboj de aviadiloj k kontraŭ lavango de potencaj italaj divizioj. Se estas honoro, por la popolo, la defendo de Asturio, ankaŭ estas perversa ambicio ĝia subpremo, por la malamiko. Jen la tragika veto, antaŭ kies incidentoj la indiferento estas krimo! Unu devizo, fatala k grandioza, hurlas patose tra montoj k valoj ankoraŭ liberaj: Morti! morti digne per la fiera morto de liberigantoj. Morti, kraĉante naŭzon sur la vizaĝon de tiranoj, kiam la idealo estas definitive la tuta kiraso.

La faŝistoj—mil kontraŭ unu!—malfacilege marŝetas antaŭen, oferante homojn k materialon. Freneze k furioze, ili devas malŝpari malkaran sangon k multekostan fajron por povi ekpaŝi konkere sur pinto de roko, tra mizera strato de vilaĝo aŭ preter humila flueto de rivereto. La poezia pejzaĝo de Asturio, verda pro la milda aŭtuno, flagras, brulas, tondras k eksplodas, kvazaŭ tradicia malbeno, per geologia voĉo, de subprematoj kontraŭ la subpremantoj. Asturio, minista regiono, sin defendas per aktiva instrumento de laboro: per dinamito! Kontraŭ la rafinitaj sciencaj mortigiloj, kun marko de Italio k Germanio, nia frato la ministo iomete forgesas pri kanonoj k fusiloj; sperte li rememoras pri sia fako, pri la kartoĉo, kiun oni ekbruligas per fajrero de cigaredo, ĵetante ĝin trankvile, laŭ pozo de Diskobolo, kontraŭ la fremdajn sklavigantojn... Asturio, klara klariono vokanta al batalo por libero, antaŭ kvar jaroj, estas nun—ankaŭ en Oktobro!—torĉo lumeganta de drasta epopeo, de viva aktuala legendo, verkita tremante, per semado de veoj, sur modestaj lokoj kies anonima ekzisto akiros, en la estonto, mirindajn k sonorajn titolojn por civitanaj pilgrimejoj.

Ekzemplodona regiono; dum dek kvin monatoj ĝi estis k estas amboso, kiun ne rompas la faŝismo, k marĉo el mikso de sango perfida kun sango lojala. Sed, nun la premego estas jam tro decida; okaze de malvenko la foriro ne eblas. En tia kondiĉo la dilemo estas terure simpla: rezisti k venki aŭ fiaski k morti. Ĉu «burĝa» demokratio? ĉu rigora klasbatalo? renverso de la faŝismo!! kia celo do plej urĝa por oferi eĉ la vivon? Tiuj skeptikaj homoj, kiuj en paca eksterlanda medio, taksas marĉande la gradojn de sia simpatio al nia skrapanta luktego, en duboj ankoraŭ—ankoraŭ!—pri troa revoluciemo aŭ troa konservativemo, devas konfesi, almenaŭ en la intimaj ĉeloj de sia konscienco, la nulan valoron de ĉiu babilado pri ajna teorio kompare kun la situacio—pro ago konkreta, en elementa devo—de niaj asturanoj, kiuj staras, kun la minaco de faŝistoj, antaŭ la brusto, k la profundaj abismoj de l' maro, post la dorso...

Trubia, astura urbo kun fabriko de kanonoj, situas je pafo de fusilo ĉe kvar frontoj. Sed en Trubia la laboro ne haltas pro tio; nun mem, dum oni parolas aŭ oni kalkulas pri la heroeco de Asturio, la forĝistoj ne povas aŭdi varmajn laŭdojn nek atenti platonajn konsilojn ĉar bruas pli, k gravas pli, la muziko de marteloj. En la fabriko oni perceptas najbare la militajn blekojn de la maŭroj k la fanfaronajn kantojn de la italoj; tamen oni daŭre tie laboras, fandante feron k hardante ŝtalon por kanonoj liberigaj; dorlotitaj maŝinoj, kun la sola fundamenta celo—plej granda, plej nobla celo!—eviti nur la triumfon de l' faŝismo; en Asturio ne ekzistas alia ambicio. Tie pereadis, sub unueca bloko, ĉiu partia ambicio, ĉiu naiva aŭ lerta ambicio ĉizi la trajtojn de la gajno laŭ personaj gustoj k preferoj, el la varia sortimento de skoloj k teorioj, kiuj logas sen medito, tra gaja forgeso k ignoro, pri la cirkonstancoj.

Tamen, dum flegme diskutas multaj homoj, en multaj landoj, mezurante la gradojn de nia revolucio, Asturio riskas fali apoteoze. Kontraŭ la dinamito ekzistas pli moderna scienco k fie konspiras la abunda mono de la internacia kapitalismo—saĝa k praktika en sia solidareco—por kovri tie la ĝrizan ĉielon per aviadiloj k detrui la ŝoseojn per tre pezaj tankoj. Kontraŭ tio la kartoĉo, helpilo de pravo k arogo, ne sufiĉas. La dinamito ne fariĝis por militi sed nur por fendi utile la enojn de la tero. Tial estas ebla, bedaŭrege, la plena profanado de Asturio, se la mondo—la mondo, kiu sentas, pensas, suferas k ŝvitas—ne trudas finon al la kruela ludo de siaj ŝtataj regantoj k siaj specifaj gvidantoj, indiferentaj aŭ interesataj en la brava agonio de unu popolo, kies konvulsioj evitas alies dolorojn.

Jen Asturio! mirinda ekzemplo, imitinda modelo, eĉ malgraŭ fiasko, eĉ malgraŭ pereo, por venontaj generacioj, pli dankeme komprenantaj, ol la nuna, la superajn lecionojn de tiuj proletoj k de tiuj intelektuloj, kiuj nun, hodiaŭ mem, stoike mortas, kune kun ĉiuj amataj estaĵoj, ĉar la horloĝo de ilia destino montras la solenan horon plenumi la lastan devon. Asturio kuras al sia epilogo por stimuli la kuraĝon de la kuraĝuloj, k por hontigi la malkuraĝon de la malkuraĝuloj. Jen Asturio! nia tre sankta Asturio...

## LA POPOLA FRONTO ANTIFAŜISTA RICEVAS PLIAN FORTON PER ALIGÔ DE C.N.T.-F.A.I.

**La Popolfronto kunvenis la 8. de ĉi tiu monato en Valencio, kun delegitoj de ĉiuj antifaŝistaj politikaj partioj k sindikataj organizoj. Ĉeestis oficiale, jam kiel membroj, la CNT k FAI. Oni decidis unuanime aktivan kunlaboradon en la plifortigita Popolfronto, sub bazo de jenaj, inter aliaj, gravaj akordoj:**

**Ĉesi atakojn aŭ polemikojn, en tribunoj k gazetoj, de unu al alia, inter ĉiuj sindikataj k politikaj organizoj el kiuj konsistas la Popola Fronto Antifaŝista.**

**Respekti k protekti la socian transformiĝon en la ekonomio, fare de la laboristaro, sed ĉiam laŭ normoj k reguloj de la Registaro.**

**Iniciati vastan unuecan agitadon por altigi la fervoron de la popolo en la ariergardo.**

**Helpi senrezerve, por komuna avantaĝo, la taskojn k laborojn de ĉiu Popolfronta Registaro.**

## SAGETOJ SEN MALICO

- Dum la vizito de Mussolini al Hitler, farita por lubriki la akson «Romo-Berlino», ambaŭ kunuloj verve oratoris, sin flatante reciproke. Ili planis por la estonto... sed ŝajnas, ke en Germanio oni dubas pri la fortikeco de la akso, kiu jam rompiĝis unu fojon. En la jaro 1914.
- Germanio promesas ree, ke la sendependeco de Belgio estos respektata. Ankaŭ en la jaro 1914. Germanio protektis k garantiis la neŭtralecon de tiu lando. Tamen la germana kanceliero emfaze deklaris en la Parlamento, ke la traktatoj estas «ĉifonoj el papero». Kaj tiam ne ekzistis la «linio Maginot»!
- Radioelsendoj k gazetoj informis, ke la itala diktatoro «honorigis» la germanan popolon, metante florkronon sur la tombon de la martiroj de la nacisocialismo. Sed tie li ne povis honorigi la «tutan» germanan genton. En la suda Tirolo loĝas germanoj, sub regado de Mussolini. Tiun minoriton li ja kronas per dornoj, enmeze de la indiferento de la aŭtoro de «Mein Kampf». Verŝajne, temas pri germanoj triaklasaj, kiel la judoj...



- La respondo de Italio, al la Noto de la franca k angla registaroj, estas elokventa pruvo pri bona volo. Bona volo, al kiu? al kio? Komprenble al la Komitato pri Ne-Interveno. En ĝi la itala faŝismo trafis siajn plej efikajn k brilajn sukcesojn k Mussolini estas dankema. Kaj la Demokratioj, komplezemaj. Tial la afero estas ankoraŭ pritraktota en la Londona Komitato. Ĉu naiveco aŭ kunkulpeco? Kiu scias, kiu scias...
- Japanio bedaŭras, ke «Ĉinio ne komprenis ĝian intencon». Se la ĉinoj komprenus, ili ne kontraŭstarus la «civilizan» invadon. Cetere, Japanio estas ĉagrenita pro la fakto, ke oni akuzas ĝin, kiel atencinton. Japanio asertas, male, ke ĝi simple sin defendas je la atakoj de la ĉinoj. Tiel klare statas la afero! La mondo ne devus ja toleri la provokojn de la perfidega Ĉinio, ĉu?
- Antaŭ la onidiro, ke Francio malfermus la landlimon de Hispanio, Mussolini indigniĝis k minacas, ke se tiu «fia manovro» efektiviĝas, li ne povos resti «ne-intervenanto» k tuj ekkomencos helpi la naciistojn de Franko.

  Tio signifas do, ke ĝis nun li nur helpis per militmaterialo siajn «volontulojn». Kredeble, jen kio okazis. Li sendis la volontulojn al Franko k la militilojn al la volontuloj. Sed ekde nun, li ekspedos amase armilojn k aeroplanojn al la volontuloj k al la frankistoj... Prave li agos por puni la provokemon de Francio... kiu insiste anoncas tion, kion ĝi neniam plenumas!
- La savinto de Italio, nuna savanto de Hispanio k tuja savonto de Eŭropo, bombaste ripetadas, ke li ne permesos, la stariĝon de «bolŝevika» reĝimo en la Mediteraneo. Unue, estus bone scii, kion li konsideras «bolŝevismo». Due, se Hispanio memdecidus akcepti tiun reĝimon, ĝi rajtus ĉar ĝi neniam enmiksiĝis en la italaj aferoj, dirante ke ĝi ne toleras faŝismon en la Mediteraneo. Trie, Mussolini zorgu atente, ke tiu soveta reĝimo ne stariĝu en Italio, ĉe la fino de la tragika aventuro, kiu krevas en nia lando.

## BONA AMIKO DE HISPANIO MALAPERIS

Subite mortis en Parizo la komunista deputito k sindonema amiko de la hispana popolo, P. Vaillant Couturier; vortoj pri doloro ne taŭgas, kiam la doloro estas realo. Kun la fizika malapero de tiu batalanto Hispanio perdas valoran pioniron k sagacan malkovranton de manovroj!

## Armeo Tutpopola

Estas interese informi pri tio, ke ĵus la Ministro por Nacia Defendo diktis dekreton, per kiu estas malpermesate, al la ĉefoj k oficiroj de la Armeo, partopreni en politikaj kunvenoj, kiel oratoroj k zorgi pri politikaj propagandoj de partio, aŭ okupi gvidajn postenojn en Sindikatoj, k.t.p.

Tuj post publikigo de tiu dekreto, la Ministro (Indalecio Prieto, socialisto) ricevis telegrafe peton, el la vigla Aragona fronto, kun jena teksto:

«En la 21.ª Korpuso, dank' al la inteligenta laboro de la komisaroj, kreiĝis frateca harmonio inter diversaj ideologioj tra la divizioj. Delegitaro de la tri divizioj troviĝas nun en Barcelono, kie ĝi vizitas la fabrikojn k sukcesas plifortigi la ligilojn inter la ariergardo k la batalfortoj. Ni deziras aranĝi kunvenegon, kiu okazus en granda teatro de Barcelono, en kiu paroladus reprezentantoj, komisaroj, ĉefoj k soldatoj de ĉiuj ideologioj, interfratiĝante kun laboristoj k popolanoj. Mi petas permeson por la interveno de la militaj ĉefoj de la tri divizioj; respekteme salutante vin.— Komisaro de la Orienta Armeo.» La permeso venis kun afablaj vortoj.

Okaze de la kunveno, kiu estis amase ĉeestata k havis grandan sukceson, la Ministro ricevis tiun ĉi emocian telegramon:

«La ĉefoj, oficiroj k komisaroj de la orienta Armeo, apartenantaj al la diversaj organizoj sindikataj k politikaj, partoprenintaj la interfratiĝan kunvenegon, salutas la estron de la Popolfronta Registaro k la Ministron por Nacia Defendo promesante al ili porti, ĝis la lasta angulo de ĉiu fabriko, ĉiu kampo k ĉiu roto de la Armeo, la spiriton, kiu unuigas nin k ebligos venki rapide la faŝismon.»

Tiu popola soldataro estas la baro, kiu renversas la planojn de la abomenaj bruligantoj de nia milito.

JAPANIO - ITALIO - GERMANIO

# AL LA KONKERO DE L' MONDO

Laŭ fidinda informo, Japanio celas en Ĉinio jam provi alpropriĝi al si ĝiajn naturajn riĉaĵojn k prepari la militistigon de la ĉinoj por utiligi ilin en postaj, pli vastaj, entreprenoj. Unue Azio, poste Eŭropo k Usono.

Italio siaflanke jam estas militistiganta la abisenojn. Tion oni legis en grava pariza ĵurnalo. Ĝi kalkulas nunmomente je kvincent mil nigraj soldatoj k pensas atingi stokon da tri milionoj. Per tiu kolonia armeo, ĝi intencas sekurigi al si la posedon de la Afrika kontinento k fari, el maro Mediteraneo, lagon por sia potenca Imperio.

Strange, ke en la nova plano por distribui al si la terglobon, oni ne diras eĉ unu vorton rilate al tio, kion oni faros per la hispanoj. Oni parolas pri militistigo al milionoj da ĉinoj k al milionoj da etiopianoj. Kial ne al milionoj da hispanoj? Italio k Germanio estas du sagacaj potencoj, ĉu ili ne pensis, kiom da profito ili tirus el tiuj bravaj milicanoj, kiuj lernante fariĝi soldatoj, kapablis haltigi perfektan armeon, tiel ĉe la pordoj de Madrido, kiel en la ebenaĵoj de Guadalajara k en la montoj de Asturio?

Estas nekompreneble, aliflanke, ke Hitler k Mussolini ne pensis, je kioma plezuro k entuziasmo la hispanoj batalus por ili, post la paco en Hispanio. Imagu la emocion de la hispana proletaro, konkerante teritoriojn por tiuj mastroj. Eĉ ne malatentante la rasajn k historiajn diferencojn, oni pensu, ke la hispanoj ne militus por Italio pli malfiere ol la abisenoj, en sia konkero de Afriko por Mussolini, aŭ la ĉinoj en konkero de Azio por la japana imperialismo.

La sinteno de la aliaj potencoj, komprenebie ne gravas. Anglio k Francio oferos siajn koloniojn, kondiĉe ke la milito ne eksplodu. La milionoj da homoj diverskoloraj, kiuj loĝas en francaj k anglaj teritorioj, ja preferus submetiĝi al la gvidado k protekto de tri ŝtatoj tiel allogaj, kiel Italio, Japanio k Germanio.

Usono, Sovetio k la cetera mondo, kion povus fari kontraŭ la eskadroj k la armeoj de la «tutecaj» potencoj?

Tiu triobla volo diktos la normojn de la nova tiranio, kiun laŭ la «tutecaj» kalkuloj akceptos ĉiuj popoloj volonte. Post la efektiviĝo de la mondkonkero, eble estiĝos disputoj pri la respektivaj landlimoj k terposedaĵoj inter la tri Imperioj. Sed espereble ne estos malama riveleco k ĉio ordiĝos harmonie. «Tuteca» paco regos por ĉiam en la mondo inter la homoj de bona volo.

Antaŭ ol tiu programo plene realiĝos, povas prezentiĝi iu malfacilaĵo. Por tiuj konkeroj, kredeble, estas bezonataj multaj miliardoj da dolaroj. Nuntage la financoj de tiuj tri potencoj ne statas sufiĉe kontentige por la postulataj investoj. Sed la «tutecaj» diktatoroj ne kutimas halti antaŭ tiuspecaj baroj, kiujn ili konsideras malgravaj kompare kun la eblaj rezultatoj de la gigantaj akiraĵoj. Plie, unu el tiuj ŝtatoj—Italio—havas la protekton de spirita potenco, kiu tre amike rilatas al la ĉiela potenco. Sufiĉos, ke ĉi lasta ordonu al la tuta kristanaro, fari petegojn pri miraklo al Dio k, per tio, ĉe, kie la nigraj trupoj militistigitaj de Mussolini trairos, pluvos, kiel nova manao, la necesa oro por disvastigi, sur la mondo, la avantaĝojn de la «tuteca» civilizo.



# GAJNITA BATALO

Dum mia restado en la fronto, mi konvinkiĝis ke batalojn oni povas gajni diversmaniere. En centra sektoro, la milito nuntempe estas kvazaŭ inerta; nur oni aŭdas la kanonadon de l' artilerio k, de tempo al tempo, la fusilpafadon de pozicio al pozicio.

Nia ofensivo translokiĝis al Aragono k la defendantoj de Madrido iomete ripozas post tiom multaj k penigaj bataladoj. Sed, eĉ dum batalpaŭzo, la soldatoj de la Respubliko, gajnas batalojn.

Hieraŭ ni rikoltis 100 sakojn da hordeo, laboro kiu estis tre bone plenumita de la kamaradoj de mia Brigado. Ĉi tiuj kamaradoj, kamparanoj unuj, urblaboristoj aliaj, estis devigataj realigi tiun laboron dum la nokto je 200 metroj de la faŝistaj tranĉeoj; tiom proksimaj ni estis de la faŝistoj, ke eĉ la malamikajn aŭskultaĵojn ni tre bone k facile aŭdis. Ju pli da risko en la laboro, des pli agrabla estas la rezultato por ĉiu brigadano!

Tuta ĉi tereno, kiu konsistis el pli ol kvar hektaroj, estis falĉita, rikoltita k surŝultre translokigita ĝis niaj tranĉeoj de dua linio, de kie ĝi estis poste transportita per kamionoj al la ariergardo.

Ho, kiel koleris la faŝistoj ekvidinte tion la sekvantan tagon! Ni mem, de niaj tranĉeoj, krie rakontadis al ili, kiel ni faris tion. Kaj ni ĉiuj ridadis!

Tio klare montras per kia entuziasmo batalas niaj soldatoj. Neniu el ili volas nenion faradi. Dum nia Respubliko gajnas batalojn en la internacia fronto k en la enlandaj frontoj, kiel en Aragono k en la Sudo, ni gajnas aliajn batalojn en la kamparo sur kiun, dum jarmiloj, elverŝis sian ŝviton, profite nur al la ekspluatantaj bienposedantoj, niaj malfeliĉaj kamparanoj, aliigitaj hodiaŭ en soldatoj de la popola armeo, helpante tiel, morale k materie, nian popolfrontan registaron, kiu en Ĝenevo defendis la pravon k rajton de Hispanio, dum ni batalas en la batalkampoj por atingi baldaŭan triumfon sur la malamikoj de nia lando, malamikoj de la tutmonda proletaro.



*Rikardo KILES*

Villanueva de la Cañada, 28-9-937.

# KULTURA FRONTO

## Per ofero en batalo, la popolo gajnas rajton sur la vojo de klerigo!

### SAVITAJ INSTITUCIOJ

Dum la artilerio k la aviadiloj de la faŝistoj ŝutis la morton k la detruon sur la stratojn de Madrido k intencis ruinigi—kelkfoje kun sukceso—la artajn k kulturajn trezorojn de la ĉefurbo, la registaro de la Respubliko klopodis senlace savi la sciencajn k la intelektajn instituciojn, kiuj prefere ŝajnis minacataj de la invada barbareco.

Unu el la plej difektitaj centroj estis la Instituto Cajal, parte detruita de la obusoj. Atenta k delikata laboro estis farita por preni k paki zorgeme la ilaron, materialon k libraron, sub la malamika pafado; ĉio estis translokita en Valencio, kie la Instituto daŭrigis siajn esplorojn. Alia scienca laborejo estis en danĝero: La Nacia Instituto pri Fiziko; kie ankaŭ tre urĝe oni devis fari la necesan laboron por savi la multvalorajn kolektojn arigitajn post longaj jaroj. Ĉio estis sekurigita en konvena loko k nun denove ĝi funkcias. En la Muzeoj pri Naturaj Sciencoj k pri Botaniko, la laboroj kontinuas pri mineralogio, geologio, geografio, paleontologio, k. a.

La kultura laboro, farita de la Sciencaj Institutoj por efektivigi la planojn de la Nacia Institucio por Sciencaj Esploroj, estas gravega. Pli ol sepdek titoloj aperis sub formo de broŝuroj, revuoj k libroj, eldonitaj dum unu jaro. Tiuj publikigaĵoj pritraktas ĉiujn fakojn de Ĥemio k Fiziko prezentante la rezultatojn de studoj k eksperimentoj de la profesoroj en la laboratorioj, kie ili senĉese laboradas por kontribui al la progreso de la scienco.

### UNUAGRADA INSTRUADO

Malgraŭ la grandegaj elspezoj de la milito, nia registaro tute ne forgesas la devojn de la ŝtato rilate klerigadon. Oni volas, eĉ dum la milito, likvidi la staton de malklereco de la popolaj tavoloj, kiuj dum la regado de la reakcio estis forlasitaj en tiu aspekto de la kulturo.

En la nuna ŝtata buĝeto estas rimarkinda pliigo de mil pesetoj jare por la salajroj de ĉiuj unuagradaj geinstruistoj. Oni ĵus kreis 10.000 novajn tiajn oficojn, kio signifas elspezon de kvardek milionoj da pesetoj.

Por konstruo de novaj lernejoj oni dediĉas kvindek milionojn da pesetoj. Estas asignita, por pliigi la vesperajn klasojn por plenaĝuloj, sumo de du milionoj, kompletigante per tio la laboron de la Milicoj de la Kulturo k aliaj klerigaj institucioj. Dek milionoj k duono estas destinitaj por entrepreni, pere de diversaj organizoj, la lukton kontraŭ la analfabetismo. Miliono da pesetoj estas asignita al la servo de infanaro en antaŭlerneja aĝo.

Por kantinoj, vartejoj k vestejoj por lernantoj, oni dediĉas sep milionojn. Kun la celo havigi la maksimumajn faciligaĵojn al la studentoj el proletaj familioj, ne nur la ŝtato donacas senpage la instruadon, librojn k aliajn servojn, sed ankaŭ kreiĝas serio da restadejoj k internigejoj por ĉiuj studentoj, kiuj translokiĝas al la urboj, kie tiuj lernejoj funkcias. Krome, ekzistas sistemo de pensioj k subvencioj. Dekomence oni fiksis por tiuj planoj sep milionojn da pesetoj.

La profesia instruado, ĝis nun, estis preskaŭ absolute malzorgata ĉe la infanoj; ĝi estas necesa por ke ili povu sin apliki al koncerna metio, por kiu ili montras preferan emon, inklinon aŭ kvalitojn. En la buĝeto, kiun ni komentas, estas dediĉitaj tri milionoj por tiu celo.

Fine, en la buĝeto estas fiksitaj tri milionoj k duono por subvenciadi Societojn, Centrojn k Instituciojn, kiuj sin okupas pri sciencaj esploroj k kultura laboro. Tial, kun fiero, la popolo povas jam rigardi, la superajn studejojn sen klasaj privilegioj.



### PLEJ GLORA NOVA VENKO

—Hieraŭ nia brigado trafis novan venkon—. Tion ĵus diris la ĉefo de iu subsektoro en la madrida fronto. —Nova k grava venko... Ni petas al li informojn pri tiu milita sukceso, kiun ne pritraktis la oficiala komuniko. Li ridetas. —Dek soldatoj skribis sian unuan leteron. Kiam ili aliĝis la brigadon, ili estis analfabetaj kamparanoj!

Fakte, tio estas ĝojiga venko ĉe iu ajn el niaj brigadoj. La knaboj ja ĝojas, povante skribi mem al la patrino k al la fianĉino pri la batalo kontraŭ la malamikoj de la kulturo. Entuziasme ili parolas pri sia lernado k montras sian unuan skribaĵon. Letero al la vilaĝa hejmo, kiun streĉe legos tie ĉiuj, kiuj kapablas, ĉar bedaŭrinde ne ĉiuj vilaĝanoj estis soldatoj de tiu armeo, kiu instruas la trupanojn.

Oni scias, ke en niaj frontoj estas, krom militmaŝinoj k viglantaj fusiloj, homoj zorgantaj pri la tasko instrui legi k skribi al la batalantoj, kiuj estas malkleraj. Tiuj homoj formas la Milicojn de la Kulturo. Tiuj homoj malblindigas la kamparanajn kamadojn, pri kiuj nun fieras la ĉefo de tiu brigado en subsektoro de Madrido.

La komandanto diras ĝuste:—Tie (k li montras per fingro la kontraŭajn tranĉeojn) oni ne havas intereson por ke la soldatoj sciu legi. Verŝajne, oni konsideras danĝere, ke ili povu pripensi k kompreni. Sed inter ni, okazas la malo. Ni volas, ke ĉiu soldato sciu bone, por kio li luktas. Ju pli vasta lia kulturo, des pli kuraĝa lia revolucia spirito. Tial mi konsideras, kvazaŭ granda venko, la fakton, ke dek el niaj soldatoj kapablas jam legi k skribi.

Iu kamparano postenas apud nesto de mitraliloj. Kelkaj kugloj zumas. —Se mi estus vundita, mi almenaŭ povus legi ion en la hospitalo... Febra soifo, por la simpla arto deĉifri la sencon de literoj en ordigita vico, regas nun ĉe la kamparanoj kiuj renkontas instruistojn sub speciala formo de oficistoj...

Sur la murgazeto de la brigado, estas legebla jena enskribaĵo: «Ĉiun tagon, unu venko!». Kaj la hodiaŭa venko tute estas bonega, ĉu ne?

### RESUMO

Aperis resumo pri la, ĝis nun plenumita, tasko de la Milicoj de la Kulturo en ĉiuj batalfrontoj. Laŭ ĝi, la diversaj Inspektejoj prezentas la sekvantajn ĉiferojn:

Klasoj faritaj: Individuaj 39.252. Kolektivaj 61.526.

Nombro da analfabetoj: 95.900.

Lernis skribi k legi: 13.142.

Bibliotekoj kreitaj: 112.

Prelegoj okazintaj: 2.179.

Artikoloj publikigitaj: 855.

Krom tio, la Milicoj de la Kulturo kontribuis al la propaganda laboro de la komisaroj per laŭtigiloj al la malamiko, kunlaborante ankaŭ en la gazetoj eldonitaj de la Armeo k fondis multenombrajn ripozejojn por la batalantoj. Ili zorgas akurate pri projekcio de instruaj filmoj, disaŭdigo de gramofondiskoj k prezentas teatraĵojn en kazernoj k hospitaloj.

El tio ĉi rezultas, ke la Milicoj de la Kulturo havas taŭgan rolon, kiun ili plenumas tre fervore k sukcese.

# TIMO AL LA VIVO


La faŝista pacobirdo

Unu tagon, antaŭ kelkaj monatoj, post aera bombardado sur Madridon, hazarde mi troviĝis en la strato Leganitos kie du domoj falis je ruinoj. Roto da brigadanoj laboregis en la savaj taskoj. Inter la rubo jam estis apérintaj dek kvin kadavroj — virinoj, infanoj, maljunuloj—iu milicano venis kuranta k pene faris vojeton inter ni per la kubuto. Li estis ŝoforo de la Stabo; liaj ĉefoj donis al li tri permesajn tagojn por vidi la familion. Ĉiuj liaj parencoj, eĉ lia juna edzino, pereis inter brikoj k ŝtonoj. Kelkaj kadavroj estis tie, kuŝantaj vice apud muro. La milicano ekploregis! ĉirkaŭ li, ŝprucis solenaj k bravaj promesoj: «Ni venĝos vin, kamarado!»

Maljuna laboristo apogis la brakon sur la kruco de ŝovelilo k diris, kun malrapidaj balancetoj de la kapo: «Spite al ĉio, ni venkos. Nia fiasko estus ja kvazaŭ memmortigo de la mondo. Tio estas ja neebla!»

«...Kvazaŭ memmortigo de la mondo...» mi memoris, multajn fojojn, pri tiuj ĉi noblaj vortoj. La laboristo esprimis tiel sian fidon je la moralaj fundamentoj de ĉiu homo, je la etikaj principoj fluantaj el la propra fizika fakto de la vivo. Franko k liaj korifeoj estas la morto. Senatente, instinkte, konfesis tion ribelinta generalo, kiam li, dum publika kunveno en Salamanka ĵetis la simbolan kriaĉon: «For la intelekton! Vivu la morto!»

Tra la spasmoj de epilepsio aperas kelkfoje la vero. Tra la bombasta filozofio de la faŝistoj glitas daŭre la timo al la vivo. Krom politikaj celoj, en psikologia deklivo, nur tiu timo tradicia al la vivo pelis ilin al abomena perfida ribelo. Tiu sama paniko ebligis tuj rektajn rilatojn kun aliaj samspecaj monstroj. Ĉu la freneza politiko de Hitler k Mussolini ne estas ja absurda salto en la spacon aŭ deliranta doktrino por blindaj teorioj?

Tiu deliraĵo povas ŝajni, nur al kelkaj naivaj personoj, signo de forto k aŭtoritato; sed tio estas sole la falsa potenco de frenezulo, kiu krie monologas sur la placo aŭ febre dialogas kun sia propra ombro. Tuta la faŝista politiko estas certe nur fanfarona ŝelo por la kapitalista paniko!

Timo al la kaŝita impeto de la popolo. Timo al la demokratio, al la kulturo, al la civilizo. Historia timo al la proletaj amasoj honorigintaj altajn aspirojn per malŝparema elverŝo de sango. Timo furioza al la vivo senhalte ekburĝonanta eĉ malgraŭ la morto...

Plene pravis do la milicano de la strato Leganitos kiam li diris: «Spite al ĉio ni venkos!» Nia lukto ne estas ordinara kverelo inter du konkurencaj fortoj. Tio estas nur erara ŝajno! Nia afero estas elmontro kruela de plej ekstrema klopodo de la reakcio por haltigi la paŝojn de libera popolo k por tranĉi la flugilojn de ĉarmaj deziroj jam hodiaŭ plenumeblaj.

Nia serena fido al la vivo estas pozitiva kontrasto antaŭ la faŝista kulto por la morto. Triumfo de negativa paniko estus fiasko eĉ por la normala evoluo de la tuta Naturo...

*Ramon J. SENDER*

# BLANKA TERORO

Tuj kiam la respublikaj trupoj konkeris la vilaĝon Belchite en aragona fronto, la civiluloj, liberigitaj el faŝista jugo, forlasis la vilaĝon al nia ariergardo.

Tra Azuara pasis tiuj elirintoj; la lasta estas maljunulino. Ŝi estas 65-jaraĝa; ŝiaj edzo k tri filoj estis mortigataj de la faŝistoj, en Zaragozo. Post tio, ŝi rifuĝis en Belchite, k tie okazis al ŝi pli grava teruraĵo. La tieaj faŝistoj festis la konkeron de Bilbao k kunportis ŝiajn du filinojn, post diboĉa festeno oni malvirgigis ilin k, plenebriaj, ilin mortigis en la ĉirkaŭaĵoj de l' vilaĝo...

Tiu dramo angore reflektiĝas en ŝiaj morteme velkantaj okuloj k en ŝiaj palaj vangoj; ŝi aspektas kvazaŭ vinberbranĉo vestita per nigraj ĉifonoj. La malfeliĉulino saviĝis el la murdado, ĉar ŝi trafis rifuĝejon, inter sakoj, en la pajlejo. Kiam la faŝistoj, freneze, trakuris la vilaĝajn stratojn, serĉante rifuĝon en la preĝejo, ŝi eliris el la domo k serĉis respublikan protekton.

Nun ŝi diras: «Ne gravas vivi, sed mi preĝis, ĉar mi estas kristanino, al la Dipatrino por ke ŝi kuraĝigu min k permesu al mi vivi, ĝis kiam mi povos vidi la punon al tiaj murdistoj. Mi tion vidos, ĉar mi kredas ke ekzistas la providenco. Nek Dio nek la Respubliko povas toleri tiom da krimoj!»

La malfeliĉa virino venas al ariergardo de lojala zono. Ŝi estas la ombro de la subpremita Hispanio, de la strangolita k murdita popolo, kiu senĉese akuzos; ĝis kiam la ekzemplodona punado estos plenumita fakto. La senkulpaj viktimoj de internacia faŝismo, ja meritas almenaŭ tion!

**REĜUSTIGO** En nia 19.ª numero aperis riproĉo al «Literatura Mondo» el Budapeŝto pro manko de ordinara interŝanĝo de tiu gazeto kun la nia. Kun plezuro ni reĝustigas nun la aferon, post scio, ke la malagrabla incidento estis nur sekvo de eraro kreinta bedaŭrinde konfuzon pri sinteno de la grava beletristika revuo, kiu—ni sincere esprimas tion — neniel meritis niajn tiel sekajn komentariojn.

## DU BILDOJ DE LA SUKCESA ESPERANTO-EKSPOZICIO EN BARCELONO



Ekstera aspekto de la ekspozicio ĉe la ĉefa placo de Barcelono →

← Emocia k romantika angulo dediĉita al la murditaj samideanoj el Kordobo. La flagoj de ĉiuj grupoj esperantistaj funebre dejoras apud la nigra tabulo, kiu mute atestas pri abomena krimo k plej aĉa ofendo kontraŭ nia verda movado. La Komisaro de Propagando de la Generalitato kun du aktivaj membroj de la Kataluna Antifaŝista Esperantista Komitato staras respekteme



## LORDO NE ESTAS LABORISTO...

«NI NE POVAS RISKI LA VIVON DE ANGLAJ MARISTOJ PRO IDEALO, KIU NENIOM VALORAS!»

Jen la vortoj de Duff Cooper, angla Lordo de l' Admiralaro, institucio, kiu preskaŭ samvaloras kiel alilandaj ministroj pri maraj aferoj.

Jen signifaj vortoj, kiuj montras, pli sincere ol tiuj de s-ro. Eden, la veran pensmanieron de anglaj politikistoj. Eble iam ili pentos pri tiom absurda sinteno de potenco, kiu volas aperi kiel ĉampiono pri demokratio... Feliĉe, la tuta brita popolo ne estas lordo!

## MOZAIKO

● Signifoplena statistiko aperis en usona gazeto «New York Post». La faŝistaj perdoj en atako al urbo Santander estis 6315, k jen la statistiko: «Italoj 2727—Germanoj, 1614—Maŭroj, 1415—Diversnacianoj, 502—Hispanoj, 57.» Post tiuj ciferoj, kiuj bone pruvas diversajn aspektojn de militista ribelo, neniu povas dubi honeste pri nia aserto, ke nia milito ne plu estas civilmilito sed internacia milito en Hispanio. La tutmonda faŝismo luktas ĉi tie k atakas nin. Jen ĉio!

● Manuel Portela Valladares, modera respublikano, estro de la registaro dum balotoj de 16. Februaro 1936, solene asertis en hispana Parlamento: «Mi prezidis la balotojn de Februaro. La balotado ne estis falsigita k la faŝistoj, kiuj ne havas politikan krediton en nia lando, ne atingis eĉ unu deputiton».

● La fama verkisto Emil Ludwig asertis en svisa gazeto, ke «la milito inter Francio k Germanio estos fakto se Roosevelt ne ordigas la aferojn». Radio-Parizo komentas tiun aserton k aldonas: «Francio k Anglio tro malfruis deklari reciprokan solidarecon k nun ili devas rekapti perditan tempon».

● Pere de angla konsulo, estis proponita la interŝanĝo de kelkaj virinoj k infanoj, en Mahon (insulo Menorka). Preskaŭ ĉiuj virinoj rifuzis forlasi la lojalan zonon; inter ili estis 16 monaĥinoj el kiuj nur du akceptis foriri. La ceteraj subskribis spontanee skribaĵon per kiu ili rifuzas eliri el lojala teritorio, kie ili estis k estas respektataj k loĝas plaĉe.

● Mussolini intensigas la sendadon de soldatoj al Hispanio, eble kiel plej efika respondo al anglo-franca noto. Laŭ rektaj sciigoj, en haveno Napoli estas kvar divizioj pretaj por tuja enŝipiĝo por vojaĝi al nia lando. Tiuj trupoj estas perfekte armitaj k ekipitaj.

● La faŝista «registaro» de Burgos publikigis dekreton ordonante «purigadon» de ĉiuj bibliotekoj. Tiu tasko estas plenumota de komisiono. Per tiu dekreto oni ordonas la detruadon al ĉiuj libroj entenantaj ideojn nefaŝistajn. En defendo de nia bibliografia trezoro la. Centra Konsilantaro de Arkivoj k Biblioteko sin turnis al Internacia Instituto por Intelekta Kooperado, al bibliografiaj Societoj k al la plej gravaj Bibliotekoj en la mondo, por eviti tian monstraĵon.

● La 2. nunmonate mil kvincent hispanaj rifuĝintoj en Francio, estis senditaj al Hispanio laŭ novaj registaraj instrukcioj. Ili estis petataj elekti la zonon kien ili deziras translokiĝi; nur kvin dek petis vojaĝi al faŝista zono. La aliaj, mil kvarcent kvindek, venis en lojalan zonon. Tiu aspekto de hispana popola referendumo ripetiĝas ĉiuokaze.

● La ambasadoro de Anglio en nia lando transdonis al generalo Miaja leteron de la faŝista markizo de Larios, per kiu ĉi lasta dankas pri nia sinteno rilate al lia nevino k aliaj familianoj, kiuj estis kaptitaj en Brunete. Jen nova pruvo pri niaj asertoj. En la lojala zono la kaptitoj estas dece traktataj!

● Laŭ oficialaj sciigoj el Romo, ĝis la 20. Septembro estis revenintaj en Italio, 14.000 soldatoj malsanaj k vunditaj, k la oficiala listo de mortintoj atingis la ciferon 1226. Post tiu oficiala statistiko, itala registaro ankoraŭ cinike parolas pri italaj «volontuloj».

● La 5. nunmonate, vespere, kelkaj fiŝkaptistoj kaptis en Calpe (provinco de Alicante) torpedon, kiu estis ekzamenita. Ĝiaj detaloj estas jenaj: Longeco 5'20 metroj, diametro 0'45 metroj. Tio koincidas nur al torpedoj de itala deveno, k tiajn torpedojn uzas nur la italaj submarenoj H-1, H-2, H-3, H-4, H-6, H-8, X-2, k X-3 tipo Bernardi. En germana eskadro ne estas uzataj torpedoj kun tia diametro. La torpedo estas trovita apud la loko kie estis torpedita la angla militŝipo «Basilisk».

● Iom post iom oni ekkonas pliajn detalojn pri la agoj de la bando de la spiono Troncoso, faŝista komandanto arestita en Francio. Lia bando preparis atencojn, organizis atakojn al submarenoj, plenumis kontrabandon de armiloj por la francaj faŝistoj, k nun ni sciiĝas pri alia rolo kiun ili ludis. Ili akompanis la faŝistajn toreadorojn, kiuj vojaĝis en Francion, por garantii ilian revenon al faŝista zono k por enspezi la frankojn.

● Post la grava parolado de usona prezidanto Roosevelt, d-ro. Negrín, prezidanto de nia registaro, diris al ĵurnalisto, dum intervjuo: «La vortoj de Roosevelt, plifortigas la movadon kontraŭ la procedoj de perforto. Se Italio k Germanio forlasus nian lukton, ni venkus antaŭ ol proksima printempo. Se ili ne foriras el ĉi tie, ĝenerala milito nepre eksplodos, k tion oni povas ankoraŭ eviti».

● La germana ministro pri militaj aferoj von Blomberg alvenis al urbo Funchal, en portugala insulo Madeira, sur germana militŝipo «Grille». Laŭ germanaj sciigoj tiu vojaĝo celas nur al ripozo, sed ni timas ke estonte nia maldanka najbaro Portugalio estos devigata «cedi» kelkajn koloniojn al «sindona» nacisocialista Germanio.

## LA POEZIO PROFANITA ĈE LA KORPO DE POETO...

Tra aragona fronto; venis al nia zono forkurinto, kiu donis al ni sciigojn rilate al mortigo de la granda popola poeta Frederiko García Lorca.

Post la ribelo—li diris—la poeto rifuĝis en franca konsulejo. Per ruzaĵo oni atingis, ke li eliru k tuj li estis kaptita de la civilgvardistoj, kiuj ege malamis lin pro tio ke li verkis romancon pri la hispana civilgvardio. La saman nokton, li estis kondukita al kampara loko; 18 kilometrojn for el la urbo Granada. Oni ordonis lin marŝi dum la automobilaj lampoj lumigis lian korpon. La civilgvardistoj, ŝirmataj malantaŭ la aŭtomobilo, estis pretaj pafi kiam García Lorca turnis la kapon k petis paroli; ne atendante la permeson li komencis paroli, per firmaj k klaraj vortoj, en defendo de tio, kion li plej amis: La Libero! Li laŭdis la popolan idealon k la lukton kontraŭ la barbareco. Tiuj vortoj kaŭzis miregon k indignon al la ekzekutistoj. La leŭtenanto, kiu ilin komandis, kolere alpafis lin per pistolo k ordonis la gvardistojn fusilpafi. Kiam ili atingis faligi la poeton, tuj rapidis al li k senkompate batis lin. La leŭtenanto alproksimiĝis al kadavro de Frederiko García Lorca k uzis ĉiujn kuglojn, kiujn li havis en pistolo. Pioniro de la poezio, tra multaj vundoj, montris papavojn...

BRITA HUMORO

# FEINA RAKONTO

Per publikigo de ĉi tiu artikolo de H. N. Brailsford, ni nur celas prezenti specimenon de mordanta kritiko pri Anglio, verkita de anglo mem. Sed, kompreneble, ni tute ne intencas ofendi iun personon aŭ grupon el tiu ŝatata lando.

Foje estis en ĉi tiu insulo (Britio) iu Laborista Partio, tiel kuraĝa k decida, ke ĝi estis sensimila en la mondo. Ĉio okazis subite! Dum longaj jaroj, la partio kvazaŭ vegetis sub la influo de sorĉisto; sed iu bona feino detruis ties povon. Tiam refariĝis socialistoj ĉiuj, kiujn la sorĉisto gvidis. D-ro. Dalton ĵetis sin al la kolo de Harry Pollit k kisis lin. S-ro. Bevin brakpremis al Jimmy Maxton apud la leonoj de Trafalgar *Square* k Sir Walter Citrine forĵetis siajn orden-insignojn en la riveron Thames.

Kaj tiam, karaj infanoj, ĉu vi divenas, kio okazis? Ili rigardis ĉirkaŭ si k rimarkis, ke estis du militoj en la mondo. «Tio ne povas esti!»—ili diris—(k ili sentis tion vere). Kaj plej mirinde ili ne decidis kuri al *Foreign Office* por demandi, kion ili devas pensi k fari. Ili ekagis, nature k spontanee je sia propra konto. Ili forgesis, ke ili estas eroj de la Brita Imperio. Neatendite ili memoris, ke ili apartenas al la laborista klaso. (Memoru, karaj geinfanoj, ke tio ĉi estas simpla feina rakonto. En la feinaj rakontoj ĉio ja povas okazi!)

Pri Hispanio ili sin okupis unuavice: «Ĝi situas ĉe nia pordo. La hispanaj viroj k virinoj pensas same kiel ni mem. Ni povas kompreni iliajn problemojn sen bezono fari penigan ekzercon je mensa gimnastiko. La problemo tie estas treege simpla. Sufiĉis unu jaro por ke tiu lando, tute sensperta pri organizarto, akirus organizformon. Ĝi havas sufiĉe da homoj. Ĉiaj plej bonaj volontuloj, laboristoj, vizitis la militlernejojn por iĝi oficiroj. La junaj rekrutoj, senpacience k fiere, kunportas fusilon k estas hodiaŭ pli bonaj soldatoj ol tiuj veteranoj, kiuj elportis la heroan lukton dum pli ol unu jaro... Sed mankas al ili armiloj».

La Partio dediĉis unu tagon al Hispanio. En ĉiuj laborejoj okazis monkolektado. En ĉiuj vilaĝoj k urbetoj okazis mitingoj. Oni komprenigis al la plej simplaj, plej malkleraj laboristoj, knaboj k knabinoj, ke ilia libero k la estonto de la tuta proleta klaso en Eŭropo dependis de la milito en Hispanio.

Inter la laboristoj, en la Sindikatoj, kredite aŭ kontante, kolektiĝis dekmiloj da sterlingaj funtoj. Kaj per tio, oni aĉetis la kanonojn Lewis (mi ne diros kie—silentu, karaj infanoj!—mi scias la lokon, sed ni ne priklaĉu la aferon...)

Kaj tiam okazis unu el la plej surprizigaj faktoj tra la Historio de ĉi tiu insulo. La kanonoj estis ŝarĝataj en la Transportdomo. Formiĝis grandega manifestacio. Estis tie komunistoj k membroj de la Laborista Partio k eĉ kelkaj liberaloj; sed la plej brila sektoro konsistis el la plej emfazaj gvidistoj de la *Trade-Unions* kun siaj horloĝoĉenoj, siaj orden-insignoj k siaj rondaj k komfortaj korpoj.

Ili pasis antaŭ la Parlamento. La bronza figuro de Cromwell, salutis ilin per sia pugno levita, dum ili defilis (memoru geinfanoj, ke temas pri feina rakonto). Tiel ili alvenis en la havenon kun s-ro. Attlee, sinjoro Greenwood k s-ro. Dalton ĉefronte. Survoje atingis ilin ia sekretario de la *Foreign Office*, kiu, tute konfuzite, memorigis la manifestaciantaron pri tio, ke Anglio ne estas intervenista lando Je la nomo de sinjoro Eden!

«—Ni ankaŭ ne»—respondis s-ro. Attlee. «—Same kiel Hitler k Mussolini. Ni nur bedaŭras, ke ni ne estis ne-intervenantoj unu jaron pli frue ol la faŝistoj. Sed, pli bone estas malfrue ol neniam.»

Per sia ŝancelanta tono de Oxford, la sekretario balbutis interdente ion pri la eblo, ke la tuta opozicio de Lia Reĝa Moŝto estu arestita antaŭ ol ĝi trafus la havenon. «—Provu!»—kriis Walter Citrine. «—Provu tion fari k post 24 horoj la registaro devos alfronti ĝeneralan strikon.»

La ceteraj okazaĵoj eu la tago estis bruaj, sed sen malagrablaj sekvoj. La *East End* feriis. La popola urbestro, kun siaj insignoj, atendis la manifestacion por akompani la ŝarĝaŭtomobilojn ĝis la ŝipo, kiu elbordiĝis enmeze de la ĝojkrioj el centoj da miloj da gelaboristoj. Tiel finiĝis la farso de la Komitato pri Ne-Interveno, kiu ne jam plu kunsidis!

Kiam la popolo de Francio sciiĝis pri la novaĵoj el Londono, la du tieaj laboristaj partioj decidis ne fari malpli ol aliaj britaj kamaradoj. Ili kolektis ankaŭ armilojn k volontulojn, k kun s-ro. Jouhaux (speco de franca Citrine) ĉefronte, ekmarŝis manifestacie kun deputitoj k eĉ senatanoj en unua vico, al la hispana landlimo. Ili transpasis ĝin triumfe kun sia ŝarĝo. Ankaŭ ili estis pretaj, ne interveni, kiel la plej bonaj ne-intervenistoj.

Tiamaniere finiĝis la krimo, kiu makulis nian civilizon laŭlonge de unu jaro k tri monatoj. La malpermeso rompiĝis. La hispana registaro akiris el Londono k el Parizo, tiom da batalilojn, kiom ĝi bezonis. La soldatoj kreiĝas pli rapide ol la maristoj. En la Clyde, en la Tyne k en la Thames, la Laborista Partio rekrutis malkaŝe kontingenton da ŝip-volontuloj, bone ekipitaj k preparitaj.

Post unu monato, la Respubliko kontrolis la tutan hispanan marbordon. Post duonjaro, ĝi estis jam sufokinta la faŝistan invadon!

### REVENO AL LA REALO

Sed tio, karaj geinfanoj, estas feina rakonto. Ankoraŭ ĝi ne okazis. Ĉu vi volas, ke mi rakontu al vi tion, kio vere okazas? Bonvolu do aŭskulti:

En Ĝenevo oni eĉ ne vidas la faktojn tra la lorno de la malkuraĝo. Eĉ Litvinov mem ne kuraĝis prezenti la pruvojn, kiujn li posedas, kiuj elmontras, ke la italaj submarŝipoj dronigis du sovetajn ŝipojn. La tuta mondo scias, ke en la lastaj provokistaj ekscesoj en Parizo k en aliaj lokoj de Francio, partoprenis same oficialaj agentoj italaj k privataj agentoj de Franko.

Post mallonga montro de kuraĝo por alfronti la piratojn, ĉe la Konferenco en Nyon, la registaroj de Francio k Britio preparas la akcepton de la piratega Italio en la planoj por forigo de la pirataro, sub kondiĉo je egaleco. Intertempe la reprezentanto de Italio en Ĝenevo estas doninta al s-ro. Delbos, franca ministro por Eksterlandaj Aferoj, la kutimajn garantiojn: kiam la Respubliko estos fordetruita, foriros el Hispanio, k speciale el Balearaj Insuloj, la italaj trupoj.

Italio agas, kiel ĉiam, kun videbla trompa intenco. Mussolini, antaŭ ol interparoli kun Hitler, provas ruze, ĉe Parizo k Londono, ĉu konvenos pli al li ligi sian sorton al ili ol al Berlino. Ambaŭ partoj konas lin bone k ambaŭ tial, esperas subaĉeti lin por kelke da tempo. Estas komedio pri malforteco, en kiu tiu homo, kiu kapablos agi sen honoro k senskrupule, povas gajni ĉion.

Tri institucioj disputas vete la premion por la malkuraĝo: La brita *Foreign Office*, la franca *Quai d' Orsay* k la angla Laborista Partio. Kiu el la tri kolonoj estas pli preta fordoni sin al la retoj de la trompo?

**Unu taĝo de prokrasto, en la helpo, povas esti unu jaro de doloro ekstere de Hispanio...**

## UNUJARA RESUMO DE FINANCA BILANCO

**ENSPEZOJ**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Hispanaj mondonacoj......... | | | 4478'80 |
| Eksterlanda subteno: | | | |
| 11571'82 | fr. fk. | šanĝo en pesetoj.. | 19994'— |
| 596-2 | ŝil. | | |
| 662'10 | gd. | | |
| 991 | svd. kr. | | |
| 107 | dol. | | |
| 1002'60 | bg. fk. | | |
| 505 | ĉk. kr. | | |
| 5 | arg. pes. | | |
| 120 | fin. mk. | | |
| 110'25 | nvg. kr. | | |
| | | PESETOJ... | 24472'80 |

**ELSPEZOJ**

| | |
|---|---|
| Presejo.... ............ | 7572'05 |
| Papero ..................... | 4621'35 |
| Afranko ..................... | 7481'30 |
| Kliŝoj. ..................... | 631'25 |
| Malgrandaj elspezoj......... | 549'40 |
| Vojaĝo Delegitoj............. | 1870'— |
| En kaso....... ....... | 1747'45 |
| PESETOJ... | 24472'80 |

Niaj kontoj estas klaraj; ili pruvas la oftajn deklarojn pri absoluta manko de ŝtata aŭ partia financa rimedo, krom la libervolaj kotizoj de niaj legantoj. Tiu grava detalo—motivo de fiero—devas esti ankaŭ serioza respondeco, por niaj amikoj, klopodi ĉiel ajn ke la mil pesetoj, kiujn nepre oni bezonas por ĉiu numero, estu ĉiam akurate pretaj, kiel vigla resumo de obstina fervoro al nia popolfronta entrepreno.

Valencio 15. Oktobro 1937. LA ADMINISTRACIO

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC.
53, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—23 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7

SVEDIO.—ARBETAR ESPERANTISTEN.—Barnhusgatan 8 ö. g. n. b.,
Poŝtĝiro n.º 53411, STOCKHOLM

BELGIO. — K-do M. DELFORGE. — 33, Rue de Heigne,
Poŝtĝiro 199106, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA
**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro . . | 174 | ptoj. |
| C. M.—Utiel . . . . . . | 15 | » |
| P. S.—Orihuela . . . . . | 32 | » |
| S. M.—El Escorial. . . . | 5 | » |
| J. G.—Torrebaja. . . . . | 3 | » |
| J. A.—Utiel. . . . . . . | 10 | » |
| M. E.-Córdoba (Resp. Arg.) | 25 | » |
| Grupo «Juneco».-Catarroja. | 15 | » |
| R. B.—Ademuz . . . . . | 25 | » |
| D. K.-Benicasim. . . . . | 25 | » |
| A. S.—Callosa Segura. . . | 5 | » |
| J. B.-Callosa Segura. . . | 5 | » |
| T. M.—Callosa Segura. . . | 5 | » |
| A. M.—Callosa Segura . . | 5 | » |
| W. B.-Högsby . . . . . | 5 | sv.kr. |
| D. V.—Arnhem. . . . . . | 2'50 | gd. |
| J. A. V. A.—Maashuis . . . | 1'50 | » |
| B. H.—Leenwarden. . . . | 1 | » |
| FLE Sekcio 4.—Rotterdam . | 2'14 | » |
| E. J. A.—Long Eaton . . . | 5 | ŝil. |
| E. C. M.—Johannesburg. . | 5 | » |
| B. E.—Cardiff. . . . . . | 1 | » |
| S. P. W.—Finedon . . . . | 2 | » |
| E. T.—London . . . . . | 4 | » |
| P. J. C.—Letchworth. . . . | 5 | » |
| E. P. O.—London . . . . | 5 | » |
| J. S.—Vejprty. . . . . . | 11 | ffr. |
| J. C.—Plonguerneau . . . | 20 | » |
| A. B.—Eskilhuna. . . . . | 36 | » |
| J. B.—Lille. . . . . . . | 5 | » |
| J. K.—Plzen . . . . . . . | 85'71 | » |
| P. Th.—Beauthiel. . . . . | 5 | ffr. |
| G.—Saint Aignau . . . . | 10 | » |
| P. Orleans. . . . . . . | 10 | » |
| G. F.-Orleans . . . . . | 10 | » |
| A. M.-Montpellier.. . . . | 20 | » |
| J. F.-Fecamp. . . . . . | 5 | » |
| C. P.—Vaulx en Velin. . . | 10 | » |
| A. R.—Chartres. . . . . | 5 | » |

## LASTA HORO

Ankoraŭfoje Asturio! kvankam la malamiko ĉiutage gajnas terenon, tio kostas al ĝi grandajn domaĝojn pro nepriskribebla rezisto de la ministoj.

En la frontoj de Madrido regas nun trankvilo. Nia ofensivo en Aragono ne haltas. En Andaluzio fiaskis kelkajn provojn de la faŝistoj ataki nin surprize. En la internacia fronto ŝajnas aperi lumeto ĉe la horizonto...

**RIMARKO** Kun ĉi tiu numero finiĝas la unua jarkolekto. Estus interese scii, por postaj aranĝoj, ĉu multaj legantoj bindis kontentige siajn ekzemplerojn.

## POPOLFRONTA LETERUJO

E. C. M.—Johannesburg.—Via kritiko neniel ĝenas nin. Eble vi pravas, sed komprenu, ke ni suferas dum la aliaj malrapide k videble sen granda zorgo diskutas, estante kulpaj, pro sia troa toleremo, pri la nuna situacio, kiun ili pli facile povus eviti pli frue. Dankon pro via mondonaco.

J. S.—Campo Quijano.—Viaj antaŭaj leteroj akurate trafis nin. Nun ni havas la lastan (15. Aŭg.) k notas bone la enhavon. Vian monsendon ni kvitancis en «Nia Municio» de numero 9.

S. J. S. (B.L.E.A.)—Londono.—Dankante vian monsendon, ni notas ĉion ceteran k esprimas al vi fratan saluton.

R. B.—Adamuz.—Vi povas imagi, ke ni prenus plene vian vidpunkton ĉar ni kun naŭzo travivis la aferon.

Finlandano. — Helsinki. — Via tre plaĉa letero ĝojigis nin k ni notas la enhavon kun intereso. Viaj gazetsendaĵoj trafis nin ĝustatempe. Ni ne konas la personon, pri kiu vi demandas nek scias ion pri li.

J. B. — Londono. — Ni akurate ricevis viajn du lastajn leterojn k ni ĝojas konstati denove, ke ni plene interakordiĝas. Ĝis nova!

B. G. — Gablonz. — Bedaŭrinde, ni ne konas funde la situacion. Pro tio, ni devas limiĝi al supraĵa aludo. K-do. J. B. skribas al vi rekte per poŝto.

T. K.—Trebiĉ.—Ne sen emocio ni legis vian salutleteron, per kiu vi elmontras komprenemon k fervoran simpation. Ni transdonos la leteron al k-do. F. A., kiu certe ĝojos legante ĝin.

B. K.—Amsterdam.-Plezure ni akceptis vian leteron, kies esprimojn ni kore dankas. Ni notis vian novan adreson.

H. N.—Malmo.—Kun danko ni notis la enhavon de via letero, en oportuna tempo ni kvitancos pri la monsendo en la koncerna fako de la gazeto.

K. K.—Nynasham.—Pri viaj honestaj sentoj ni neniel dubas. Tial ni legis vian estimatan leteron kun profunda intereso. Ni eble erarus opiniante pri la situacio ĉe vi, same kiel vi eraras pri nia afero, spite al la legaĵoj, kiujn vi mencias. Se pro suspektemo pri partieco de unu fonto, vi englutas facilanime ĉion, kio devenas el alia pasieca deveno, vi neniam havos ĝustan opinion pri la cirkonstancoj. Nian sintenon ni jam sufiĉe klarigis, sed ni ne povas eviti, ke vi pensu laŭplaĉe. Koran saluton!

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

NORVEGIO.—K-do. Alfred Melbye, Tagerheims gt. 30, Oslo, dez. interŝanĝi, je aliaj aĵoj, hispanajn glumarkojn pri bonfarado k propagando.

SOVETIO.—K-do. Hubks Ivan, ul. Ostrovskoho, 5, Ch. Ch. T. I. Charkov 23. dez. kor. ĉ. l. p. ĉ. t. prefere Hispanio, Ĉinio, Indoĉinio, Turkio, Hindio k Meksikio nepra respondo!

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia